PENSEO

N-ro 118
Aŭg./2001

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 www.anteo.domainvalet.com

# Perla Koliero

Wu Ze

Dum mia vojaĝo al Gulang Insulo, mi aĉetis por mia patrino perlan kolieron hele laktoblankan kun milda brileco kaj samgrandaj bidoj. Kvankam ĝi ne povis esti komparata kun multekosta koliero, ĝi tamen kosumis mian salajron de pli ol unu monatoj. Ĉe la naskiĝtago de mia patrino, mi donacis ĝin al ŝi respektoplene.



Pro tio, Panjo tre ĝojiĝis. Tiun tagon, mi patro mendis ĉambron ĉe la hotelo apud la arbara parko, por ke ŝi pasigu semajnfinon ĝojplene kaj libervole. Kvankam ŝi elbuŝigis "tre malŝpareme", ŝi tamen sentis ĝojon en la koro. Kun tiu hele laktoblanka koliero, ŝi surportis malhele bluan robon kun puntitaj kolumo kaj manikoj. Ĉiuj familianoj eliris por fotiĝi. Malgraŭ la aĝo de sesdek jaroj, ŝi ankoraŭ aspektis tre bela.

Tagmeze, ni havis manĝon en la restoracio de la hotelo. Intertempe, Panjo pardonpetis por iri al tualetejo. Sed ŝi ne revenis post longa tempo. Kun granda dubo, mia fratino kaj mi iris por trovi kio okazis al ŝi. Ĉe la pordo de la tualetejo, Panjo afable alparolis al junulino. Vidinte nian alvenon, ŝi diris al la junulino, "Jen estas miaj filinoj. Ni revidiĝu poste!" La junulino sin klinis iome al Panjo kaj hasteme foriris. Mi kaj mia fratino prenis ŝin kiel lernanton de Panjo.

Ĝis la vespero, kiam ni revenis al nia ĉambro, ni sciiĝis pri la okazaĵo. La tualetejo apartiĝis en malgrandaj ĉambroj, la interna por necesejo kaj la ekstera por lavejo. Kiam Panjo elvenis el la interna ĉambro, ŝi volis sin lavi iome antaŭ la spegulo. Timante, ke sapŝaŭmo malpurigos perlojn de la koliero, ŝi malbukis la kolieron kaj metis ĝin en blankan telereton sur la tualettablo. Post kiam Panjo finlavis sian vizaĝon kaj volis preni la kolieron, ŝi trovis, ke la telereton estas malplena kaj la koliero perdiĝis! Ŝi neniel ĝin trovis, nek sur la tablo nek sub la tablo. Panjo, pripensinte, ekmemoris, ke ŝi kaj la junulino estis en la ĉambro, kaj kiam ŝi la sin lavis, la junulino staris tuj apud ŝi. Ĉe la momento, la junulino, manprennte la bronzan anson de la pordo, volis eliri en hastemo. Panjo voke haltigis ŝin. Ŝi pensis en si, ke mi ne devas montri maltrankviliĝon, alie mi timigos ŝin, tiel ke ŝi forkuros, eĉ se mi havas pravan juĝon, ke ŝi forprenis la kolieron.

"Ej, junulino!"

"Jes?" la junulino surpriziĝis.

"Ĉu mi volus donis al mi helpon?"

"Kian helpon?"

"Mi havas perlan koieron, kiun mia plej juna filino aĉetis por mi. Ĝi ne estas multekosta, sed ŝi aĉetis ĝin per sia propra salajro. Ĵus mi timis, ke mi malpurigos ĝin pro lavado, kaj mi metis ĝin ie, kie mi neniel ekmemoras. Mi havas vere malbonan memoron pro mia maljunaĝo. Mi surportis ĝin la unuan fojon hodiaŭ. Se mi ne povus ĝin trovi, mia filino certe dronus en granda malĝojo. Hodiaŭ estas mia 60-a naskiĝtago. Miaj familianoj, nature gajplene, ili insistis, ke ni celebros mian naskiĝtagon ĉi tie. Fakte, miaparte, kun tiel granda aĝo, mi esperas, ke ili ne povas teni la daton de mia naskiĝo en sia kapo, tiel ke ili ne memorigas min pri mia maljunuliĝo."

La junulino longtempe rigardis la vizoĝon de Panjo. Ŝia strecita mieno mildiĝis iom post iom kaj rideto alkuris al ŝia vizaĝo, "Vi estas neniom maljuna. Vi aspektas pli jun ol mia patrino. Ŝi aĝas iom pli ol 40 jaroj." Post paŭzeto, ŝi diris, "Mi ĝin serĉu por vi."

"Do mi ĝenas vin. Kaj mi serĉu interne." Panjo puŝmalfermis la pordon de la interna ĉambro.

Post momento, Penjo venis el interne. La junulino tenis sur la manplato la kolieron sur peco de tualeta papero,

dirante, "Rigardu, ĉu ĝi estas via?"

Panjo transprenis la kolieron, "Jen estas ĝi! Vi junaj vere havas bonan vidkapablon. Grandan dankon al vi!"

"Nedankinde, nedankinde." Post paŭzeto, ŝi aldiris, "Ankaŭ mi deziras al vi ĝojan naskiĝtagon!"

Ĝuste tiam mi kaj mia fratino alvenis. Karesante la kolieron, Panjo laŭdis, "tiu junulino vere estas bona!"

"Ŝi ŝtelis vian kolieron, sed vi laŭdis ŝin. Vi devus alvoki policanon," kolere kriis ni ambaŭ.

"Mi pensis, ke eble ŝi ne intence priŝtelis min," diris Panjo. "Se mi alvokus policanon, unu el ni ambaŭ perdus perlojn."

elĉinigis **Yu Tian**

el 《LAŬZI》



## ĈAPITRO 27

(La unua parto de tiu ĉi ĉapitro pritraktas kelkajn manovrojn de la regado per "senagado"; la dua konsilas ekzameni ĉiun aferon sub ĝiaj du aspektoj kaj ne sub unu sola. Se oni povas observi aferojn tiamaniere, la utilaĵo kaj la senutilaĵo, aŭ la bonulo kaj la malbonulo, ambaŭ povas havi sian ekzistkialon.)

Tiu, kiu estas lerta en vojaĝado, postlasas neniajn
radsulkojn, nek piedsignojn[1];
Tiu, kiu estas lerta en parolado, diras nenion, kio povus esti
trovita erara;
Tiu, kiu estas lerta en kalkulado, ne uzas kalkulmarkojn;
Tiu, kiu estas lerta en fermado, bezonas neniajn riglilojn
por ne malfermebligi tion, kio estas fermita de li;
Tiu, kiu estas lerta en ligado, bezonas neniajn ŝnurojn, por
ne malligebligi tion, kio estas ligita de li.
Tial la Saĝulo[2] estas ĉiam lerta en savado de homoj,
Kaj pro tio neniu estas senutila, forĵetinda;
Li estas ĉiam lerta en savado ankaŭ de objektoj,
Kaj pro tio nenio estas senutila, forĵetinda.
Tio estas nomata la kaŝita saĝeco.
Tial la bonulo estas la instruisto de la malbonulo,
Kaj la malbonulo estas la materialo, el kiu la bonulo lernas.
Tiu, kiu ne honoras sian instruiston,
Nek rigardas tian matierialon valora,
Estas multe menskonfuzita, kvankam li pensas sin mem
saĝa —
Jen la subtila sekreto.

[1] Vojaĝo neeviteble postlasas radsulkojn aŭ piedsignojn; por postlasi neniajn radsulkojn aŭ piedsignojn, oni do devas ne vojaĝi. Tial ĉi tie "… estas lerta en vojaĝo" signifas "fari nenian vojaĝon aŭ iri sekvante alies piedsignojn"; tio estas uzata de Laŭzi por aludi "senagadon".

[2] Vd. noton 1 de ĉap. 2

## ĈAPITRO 28

(Laŭzi opinias, ke oni devas teni sin je la principo resti malforta kaj gardi sin per cedoj kaj retiriĝo kiel en la ĉiutaga vivo, tiel ankaŭ en la politikaj aktivecoj, kio laŭ li certe kondukos al sukcesoj.)

Tiu, kiu konas la masklecon,
Kaj tamen gardas la femalecon,
Estas preta fariĝi la ravino[1] de la mondo.
Estante la ravino de la mondo,
Li neniam estas apartigita disde la konstanta Virto
Kaj revenas al la simpla stato, kiel novnaskito.
Tiu, kiu konas la blankecon[2],
Kaj tamen gardas la nigrecon,
Estas preta fariĝi la ilo de la mondo.
Estante la ilo de la mondo,
Li ĉiam restas ĉe la konstanta Virto
Kaj revenas al la origina senfineco.
Tiu, kiu konas la gloron
Kaj tamen gardas la humiliĝon,
Estas preta fariĝi la valo de la mondo.
Estante la valo de la mondo,
Li posedas sufiĉe da eterna Virto
Kaj revenas al la simpleco (*pu*)[3].
Kiam la simpleco (*pu*) estas disrompita, ĝi turniĝas en ilojn.
Uzante la disrompitan simplecon,
La Saĝulo[4] fariĝas la estro de regado.
Tial la perfekta regado ne naskiĝas el artefariteco[5].

[1] la ravino, same kiel la valo ĉi-malsupre, kiu signifas en la filozofio de Laŭzi malaltecon kaj malplenecon, simbolas nekonkuradon kaj humilecon.

[2] Ĉi tie la blankeco simbolas saĝecon aŭ klerecon, dum la

nigreco malsaĝecon aŭ malklerecon.

[3] La ĉina vorto *pu* signifas pecon da ligno, kiu ne estas skulptita. Ĝi estas preferata metaforo uzata de Laŭzi por aludi la originan staton de pleja simpleco, kiu estas egala al la Taŭo (Vd. ĉap. 15: "Simpla, kiel neskulptita lignobloko").

[4] Vd. noton 1 de ĉap. 2.

[5] Tio signifas, ke la perfekta regado devas sekvi la leĝojn de la naturo kaj esti konforma al la principo de "senagado".



## Kontemplado en Printempa Pluvo

**Ĉuisto**

Printempa pluvo kun murmuro
senĉese kontinue falas
jen kiel nevidebla muro
apartiganta mian koron en izolo.
Tra densa pluva puro
ne povas mi distingi
kie sin trovas via bela figuro.
Per pluvaj strioj
alblovas via voĉ'
intima tiel en naturo.
Mi ŝtone staras en pluvego
kun amosent' trasekigita per pluv-kuro.
La netranĉeblaj pluvaj gutoj
batadas mian koron en moroz-teruro.
Deturni mi ne volas mian okulparon
dezirante ke pluvo ĉesu pli frue
aperu mia karulino en plezuro.

## Vesperkrespusko

**Su Ting**

mi diris, ke malantaŭ ni sonas la malpezaj paŝoj
vi diris, ke la brizo kisas la de ni iritan padon

mi diris, ke la steloj buntas kiel artfajraĵo
vi diris, ke poleno kovras miajn okulharojn
mi diris, ke lekantoj fermas sian okulparon pro dormemo
vi diris, ke enoterfloroj jen malfermas sian tavolozan koron
neniam mi forgesas
mi diris, ke malfrua primavero regas plena je vigleco
vi diris, ke vesperkrepusk' invitas nin al ebrieco

elĉinigis Yu Yu




**Bei Dao**

al la mond'
nekonat' mi estas por eterne
mi ne konas lian lingvon
ankaŭ li ne kona silentemon mian
tio, kion amb' ni interŝanĝas
nur ioma malestim'
kvazaŭ renkontiĝ' en la spegul'

al mi mem
nekonat' mi estas por eterne
mi mallumon timas
tamen kovras mi per mia korp'
l' ununuran lampon
mia ombro estas mia amatin'
mia koro tamen malamik'

elĉinigis Liu Niu



## Vojkruciĝo

Xi Murong

se mi vin amas el la koro
neniam mi forgesas

mi, kompreneble, devas
senemocie iri pluen
mi povas diri: kiel bela la vetero
la vent' karesas softe
kaj rideti lace povas ni en sunsubira lumo
mi povas diri: kiel ordinara l' vivo
sin trovas nek zigzagoj nek ĉagrenoj
sed se mi amas vin elkore
nu, ĝuste ĉe ĉi tiu vojkruciĝo
mi kaj vi, junaj, svingis ĝisrevidon

por apartiĝi senrevene

elĉinigs Zou Ba



## Pasintaĵo pri Malsaĝa Avo

Wu Mo

Malsaĝa Avo kaj liaj familianoj vivis en la monto. Por vivteni ili elkulturis pecon da tero sur la montdeklivo kaj plantis maizon, bataton kaj aliajn. Dum la malabunda jaro, ili kolektis sovaĝajn fruktojn kaj legomojn por ŝtopi sian ventron. Kaj kelkfoje ili ĉasis por kontentigi la tikladon de sia palato. La tuta familio vivis harmonie kaj ĝoje. Ilin ĝenis nur tio, ke kiam ili bezonis vivnecesaĵojn, ili devis trapasi du monteĝojn por aĉeti en la bazaro. Unue Malsaĝa Avo faris tion per si mem, kaj poste kiam li, kadukiĝanta, ne havis sufiĉan energion por tio, li transdonis tiun taskon al sia plej juna sprita filo.

Venis la tempo, kiam liaj filoj atingis la aĝon de geedziĝo. Kaj pro tio, ke neniu volis edziniĝi tien, ili naskis ĉagrenon. Ankaŭ Malsaĝa Avo kaj lia edzino maltrankviliĝis. Li persone iris ĉien por peti svatiĝon, sed kiam oni aŭdis, ke lia familio vivis en la profunda monto, ili nee skuis la kapon. Reveninte hejmen, Malsaĝa Avo cerbumis la tutan nokton kaj konkludis, ke la ĉefa bariero por ilia geedziĝo estis la du montoj antaŭ ilia domo. Do, li kunvenigis siajn filojn por interkonsultiĝi. Li iniciatis la paroltemon, "Por ke vi geedziĝu plej baldaŭ, ni devas forfosi la du montojn antaŭ nia domo. Ni agu tuj hodiaŭ!" Aŭdinte, ke ili povas ekhavi edzinojn, la filoj aprobis. Sed la plej juna filo dubeme diris, "Ĉu ni ne povus translokiĝi trans la montoj? Se tiel, ni povos ŝpari multe da ĝenoj!" Ĉe tio, Malsaĝa Avo eksplodis per kolerego, "Vi parolaĉas! Ĉu ni povus translokiĝi laŭvole? La radiko de nia familio troviĝas ĉi tie! La avo de via avo, via avo ĉiuj estas enterigita ĉi tie, kaj estonte mi kaj vi ĉiuj ankaŭ estos enterigita ĉi tie!" La plej juna filo eligis neniun vorton pri tio. De tiam ili komencis fosadon de mateno ĝis nokto.

Unu tagon, Saĝa Avo iris en la monton por kolekti drogherbojn. Vidinte tion, li trovis tion stranga. Li demandis al Malsaĝa Avo, kion ili faris. Tiu respondis, ke ili volas forfosi la montojn barantajn al ili la vojon. Saĝa Avo diris, "Eĉ se vi elspezus vian tutan vivon, vi ne povus finfari tion!" Malsaĝa Avo replikis memkonfide, "Se mi mortos, miaj filoj daŭrigos tion; se ili mortos, mi havos nepojn daŭrigi. Filoj kaj nepoj sekvos seninterrompe kaj daŭre." Saĝa Avo veis, "Viaj filoj ne havas edzinojn. Kiamaniere vi povos akiri nepojn?" Aŭdinte tiujn vortojn, la plej juna filo sola eliris ekster montojn la sekvan tagon.

Malsaĝa Avo, gvidante la restantajn filojn, daŭrigis fosadon plenforte. Por fosi la montojn, Malsaĝa Avo elhakis tutajn arbojn sur la montoj. Somere de tiu jaro pluvegis kelkfoje. La torenta pluvego frapis rokojn sur la montoj kaj kaŭzis kot-rokn fluon, kiu lavange ruliĝis kaj enterigis la tutan familion en la monton.

Oni ofte parolis pri tio kaj cirkulis tion kiel ridindaĵon.

La plej juna filo unue dungiĝis kiel kelnero en butiko kaj poste edzinigis la filinon de la posedanto de la butiko. Li havis tre bonan vivon, sed li ruĝiĝis ĉiufoje kiam oni parolis pri fosado de la montoj. Por evitigi la parolaĉon, li iris al sia najbaro, erudiciulo, por peti ties bonan rimedon. La erudiciulo pensis tion facila kaj li elbakis per sia plumo la verketon "Rakonto pri Translokigo de Montoj Fare de Malsaĝa Avo". Pro tio, oni forgesis la realan fakton iom post iom. Jam nun en onia cerbo formiĝis la nuna bildo de Malsaĝa Avo kiel oni konas.

elĉinigis Xiao Cai

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Adreso: s-anino Harpina WU
Poŝtkesto 136, Jichang-xi,
Guangzhou, Ĉinio, CN-510403
E-poŝto: harpina@21cn.com
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
…………..
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

**************************